3.ª Epoko * N.° 98 :: Julio * 1925 ::

# LA SUNO HISPANA

Organo de la hispanaj esperantistoj ✶ Organo de los esperantistas españoles

Fondinto: AUGUSTO JIMENEZ LOIRA

Redakcio: Mar, 23 = VALENCIA

La Redakcio korektos la manuskriptojn laŭbezone, kaj la nepresitajn ĝi ne resendos

Direktoro: M. CAPLLIURE



## SEKVAS ALIAJ OFICIALAJ DECIDOJ FAVORAJ AL ESPERANTO

*Jen la du lastaj rilatantaj al Hispanio kaj Aŭstrio:*

«CIRKULERO

**dekretita de la Ĝenerala Direkcio de Komunikoj.**

Kiel respondon al skribpeto prezentita al tiu-ĉi Direkcio, de sinjoro Prezidinto de la III^a^ Kongreso Esperantista, ĵus okazinta en Kordovo, je dato de la 12^a^ nunmonata, mi estas decidinta, ke en la telegramoj por la enlanda servo estu akceptata la nomita helpa idiomo Esperanto, laŭ la limigoj postulataj por tiuj, kiuj estas redaktataj en sekreta lingvaĵo, tio estas, prezentante la telegramsendantoj, sur sia respondeco, la koncernan tradukon ĉe la telegrafstacioj kie estos prezentataj, ĉiam kiam ĉe tiuj ĉi ne ekzistu oficistoj konantaj la suprediritan idiomon.

Madrido, la 15^an^ de junio 1925^a^.—La ĝenerala Sekretario, *Castañón*.

Al sinjoroj ĝenerala Inspektoro kaj

## SIGUEN OTRAS DECISIONES OFICIALES FAVORABLES AL ESPERANTO

*He aquí las dos últimas relativas a España y Austria:*

«CIRCULAR

**decretada por la Dirección General de Comunicaciones.**

Como resolución a instancia elevada a la Superioridad por el señor Presidente del III Congreso Esperantista celebrado recientemente en Córdoba con fecha 12 del actual, he acordado que en los telegramas para el servicio interior se admita el denominado idioma auxiliar Esperanto, con las restricciones exigidas para los redactados en lenguaje secreto, o sea presentando los expedidores, bajo su firma, la traducción correspondiente en aquellas estaciones telegráficas que sean depositados, siempre que en ellas no haya personal conocedor del mencionado idioma.

Madrid, 15 de junio de 1925.—El Secretario general, *Castañón*.

Señores Inspector general y Jefes de

Ĉefoj de la Centroj, Sekcioj kaj Telegrafstacioj de l' Regno».

los Centros, Secciones y Estaciones telegráficas del Reino».

### Aŭstria ŝtata ekzamena regularo por Esperanto

La Ministerio por Instruo en Wien (Aŭstrio) eldonis ekzamenan regularon por la instruado de Esperanto ĉe publikaj mezaj lernejoj kaj por dokumentado pri la scipovo de Esperanto.

Especialaj ekzamenaj komisionoj estas nomotaj por aranĝo de ekzamenoj pri instrua kapableco kaj de ekzamenoj por akiro de dokumento pri scipovo de Esperanto (lingva kapableco). La direktoro, se necese ankaŭ vicdirektoro, kaj la ceteraj membroj de la komisionoj estas nomataj de la instruministro por la daŭro de tri jaroj.

La ekzamenoj estas aranĝotaj dufoje ĉiujare, en printempo kaj en aŭtuno; ili estos publikaj.

La ekzamenoj estas buŝaj kaj skribaj.

La unuopaj parto-ekzamenoj estas cenzurotaj per la cenzuroj: tre bone, bone, sufiĉe kaj nesufiĉe. La tutrezultato estas cenzurota per cenzuroj: kapablega, kapabla, nekapabla. Kaze de malfavora rezultato, ripetaj ekzamenoj povas esti konsentataj post duona aŭ tuta jaro.

### Reglamento para los exámenes de Esperanto en el Estado de Austria

El Ministerio de Instrucción de Viena (Austria), ha publicado un reglamento de exámenes para la enseñanza del Esperanto en los Institutos y escuelas similares y para la documentación relativa a la posesión del Esperanto.

Comisiones especiales de exámenes serán nombradas para verificar los de capacidad para la instrucción y los de adquisición del documento que acredite poseer el Esperanto (capacidad lingüística). El director, vicedirector si fuese también necesario, y los demás miembros de las comisiones serán nombrados por el ministro de Instrucción para tres años.

Los exámenes se organizarán dos veces al año, en Primavera y en Otoño; serán públicos.

Los exámenes son orales y escritos.

Los exámenes individuales parciales se calificarán con las notas de: muy bien, bien, aprobado y suspenso. El resultado total se calificará con las notas de: notable, bueno y suspenso. Caso de resultado desfavorable, se conceden nuevos exámenes después de medio o un año.

---

# NOTOJ DE LEGANTO

Komenciĝas la somera varmo kaj varmego.—Estas konate, ke tiu sezono ne tre favoras aktivan propagandon poresperantan, kiu tamen ne devus esti interrompata, ĉar kelkmonata dum somero neagado ĉiam montras poste en aŭtuno—kiam denove devas ekregi laboro energia—siajn iom malfortetigintajn sekvojn.

Mi diris: aktiva. Estu permesate al mi paroli, babili aŭ eĉ babilaĉi pri «pasiva» propagando, kvankam la adjektivo ja estas sufiĉe maltrafe elektita.

Aktiva propagando aŭ, pli ĝuste dirite, publika propagando celas konvinki aliajn; casiva aŭ propagando «al si mem» (jen kion mi intencis esprimi) ŝanjnas al mi ekzerpebla ankaŭ, dum somero kiam la publiko kutime troviĝas en iom malakceptama, malatentema stato. Oni ja ne pasigos la tutan varman sezonon en la marakvo aŭ sur la pinto de monto, kio certe forprenus la eblon studadi iom por si mem. Mi deziras

diri malkaŝe, ke la somero, kiam oni ne estas ĝenerale tiom okupata ĉu profesie, ĉu eksterprofesie, al la meminstruado estas pli favora.

Oni povas ĝin aranĝi en cent diversaj manieroj. Ekzemploj: La kursgvidonto trastudu jam antaŭe la uzotan instrulibron Tio. neniam malutilos, almenaŭ firmigante jamajn, sed jam iomete malfreŝetajn konojn. La propagand-oratoro kolektu la plej gravajn faktojn el la ĵus pasinta movada periodo. La rezultoj el la kongresoj naciaj kaj kompreneble ankaŭ el la internaciaj konferencoj ĉi jaraj (Radio, Scienco, Komerco) estas jen tie, jen tie tre bone uzeblaj, precipe se oni disponas ankaŭ pri iliaj interesaj kaj sciindaj detaloj. La simpla esperantisto (al kiu speco mi dank' al ĉielo denove apartenas), se li estas iom literaturama, metos sur sian tablon unu el la bonaj libroj Esperantaj, ĉu novan, ĉu malnovan kaj ĝuos ĝin ĉiutage, eble ne grandkvante, sed kiel freŝigan aŭ eĉ (pli) saĝigan frandaĵon. La radio-amatoro ne forgesos la plej novan verkon pri la senfadenaĵo en Esperanto; kaj kiu estas la plej enviinda, tion vi, samideanaj gemoŝtoj, eble ne divenos, kvankam ĝi estas tiel klara «kiel malfluida inko»: ĝi estas la kongresonto en Ĝenevo. Tiu (li kaj ŝi) povas facilanime malzorgi meti esperantan libron en la vojaĝvalizon; tiu ne bezonos Esperantaĵojn *tralegi*, ĉar por li pli fruktodone estos ilin *travivi*. Kaj en tio konsistas la plej nesuperebla «pasiva» propagando.

Ni, kiuj devas hejme resti, spirite almenaŭ akompanu ilin.

Do, al la konkludo:

Vi studetadu ankaŭ dumsomere, — kaj mi same laboros melkante mian cerbon por vidi, ĉu ankaŭ por la proksima numero de LA SUNO HISPANA (kiu dum la varmaj monatoj devus esti alibaptata; mi proponus: La «Ombro» Hispana) gut-elfluetos kelkaj notoj de leganto.

JOBO.

Córdoba.

---

# Esperanto kaj Katolikaro

## La Papo enkuraĝigas la disvastigadon de Esperanto

Prof. Modesto Carolfi, prezidanto de la Itala Katolika Esperanto-Unuiĝo kaj nacia direktoro de Ika (Internacio Katolika) informis la Papon pri la granda utileco de Esperanto por la katolikaro. La maja numero de la gazeto «Katolika Mondo» (Zug, Svislando) publikigas detale la originan kaj la esperantan tekston de tiu grava dokumento. Jen la teksto tradukita de la vaticana respondo:

«El la Vatikano, 15 marto 1925.

Tre estimata sinjoro:

Mi plenumas la ĝojan ŝarĝon informi

# El Esperanto y los católicos

## El Papa alienta la difusión del Esperanto

El Profesor Modesto Carolfi, presidente de la Unión de católicos esperantistas de Italia y director nacional de la Internacional Católica, informó al Papa de la gran utilidad del Esperanto para los católicos. El número de mayo de la revista «Mundo Católico» (Zug, Suiza) publica detalladamente el texto original y en esperanto de aquel importante documento. He aquí la traducción de la respuesta del Vaticano:

«En el Vaticano, a 15 de marzo 1925.

Muy estimado señor:

Cumplo el grato encargo de informar

vian Moŝton, ke la Sankta Patro bonvolis bonakcepte ricevi la oferdonon, kiun vi volis fari al Li, de la dokumentoj publikigitaj por utiligi la helpan lingvon Esperanto por la disvastigo de la Evangelio.

Lia Sankteco dankas vin por tiu ĉi atesto de fila sindonemo kaj kuraĝigante la laŭdindajn penadojn, en la aŭspicioj de ĉielaj favoroj, Li kore donas al vi la Apostolan Benon.

Mi volonte profitas la okazon por certigi vin pri mia sincera estimo

de via Moŝto sindona

*Gasparri*, Kard.»

La enkuraĝiga letero de la plej alta aŭtoritato de la katolika eklezio plej bone rifutas la opinion ofte aŭditan, ke la eklezio ne estas favora al la modernaj helplingvaj klopodoj. Tiu dokumento, kiu certe interesos multajn samideanojn por propagandaj celoj, eliros en granda formato, kun la bildo de la Papo, en «Katolika Mondo». Interesemuloj mendu per «Ika», Zug, Svislando.

a usía, que el Santo Padre se ha dignado aceptar benévolamente el envío, que usía se ha servido hacerle, de los documentos publicados para utilizar la lengua auxiliar Esperanto en la difusión del Evangelio.

Su Santidad agradece a V. S. esta prueba de filial adhesión y, alentando tan laudables esfuerzos, bajo los auspicios del favor del cielo, cariñosamente da a V. S. la Bendición Apostólica.

Aprovecho gustoso la ocasión para afirmar a V. S. mi sincera estimación,

de usía afectísimo,

*Gasparri*, Card.»

La alentadora carta de la más alta autoridad de la Iglesia Católica refuta mejor que nada las opiniones frecuentemente manifestadas, respecto a que la Iglesia no es favorable a los modernos trabajos sobre un idioma auxiliar. Este documento, que interesará ciertamente a muchos correligionarios para fines de propaganda, se publicará en gran tamaño, con el retrato del Papa, en «Mundo Católico». Los que lo deseen encárguenlo por mediación de «Ika» (Internacional Católica), Zug, Suiza.

## Internacia Katolika Esperanto Konferenco

Okaze de la V^a^ Internacia Katolika Kongreso de Ika (Internacio Katolika, Zug, Svislando), kiu pritraktos la interesegan problemon: la problemo de raso kaj nacieco laŭ kristana doktrino, estos aranĝata speciala propaganda konferenco por Esperanto inter la katolikoj. Ĉiuj katolikaj samideanoj estas invitataj partopreni al ĉi-tiu interesega kaj grava konferenco. Ili samtempe havos okazon asisti al la impona internacia kongreso, okazonta sub la protektorato de Lia Eminenca Moŝto, Kardinalo Bourne de Westminster kaj asisto de aliaj episkopoj diverslandaj.

Anoncu vin tuj ĉe Ika-Oficejo, Zug, Svislando.

## Conferencia internacional de esperantistas católicos

Con ocasión del V Congreso Internacional Católico, que estudiará el interesantísimo problema de «la raza y la nacionalidad según la Doctrina Cristiana», se organizará una conferencia especial de propaganda esperantista entre los católicos. Se invita a todos los esperantistas católicos a tomar parte en esta interesantísima e importante conferencia. Ellos tendrán ocasión de asistir al mismo tiempo al imponente congreso internacional, que tendrá lugar bajo el protectorado de Su Eminencia el Cardenal Bourne, de Westminster, y la asistencia de otros Obispos de diversas naciones.

Anúnciese usted inmediatamente en la Oficina de Ika, Zug, Suiza.

## V[a] Internacia Katolica Kongreso

*Oxford, 11—16 aŭgusto 1925*

*Protektoro:* L. Kard. Moŝto, Msro Bourne, arkepiskopo de Westminster.
*Honora prezidanto:* Msro J. E. Intyre, arkepiskopo de Birmingham.
*Ĉefaj konferencoj:* La problemo de raso kaj nacio laŭ la katolika doktrino.

1. grupo: *a)* difino kaj historia evoluo.
*b)* raso kaj nacio en la modernaj packontraktoj.

2. grupo: Nacio kaj homaro:
*a)* la nacia problemo rilate al individuo kaj homaro.
*b)* la juda problemo.

3. grupo: La rajto de nacio je memdestino:
*a)* nacieco kiel fundamento de politika sendependo.
*b)* la koloniigo laŭ kristana doktrino.

4. grupo: Nacio kaj ŝtato:
*a)* la nacia problemo en nacie intermiksitaj ŝtatoj.
*b)* protekto de la malplimultoj laŭ katolika doktrino.

5. grupo: Nacieco kaj apliko de perforto:
*a)* la kristana doktrino pri nacia ribelo aŭ milito.
*b)* interveno de fremdaj ŝtatoj por subteni aŭ subpremi nacian ribelon.

*Fakaj konferencoj* (vidu KM, marto): okazos i. a. por Esperanto, por la junularo (Moka), gazetaro ktp.

*Kotizo:* 8 S, mk, 10 sfr, 25 fr. ktp. Por junuloj aŭ malriĉuloj rabato laŭ interkonsento.

*Altrangaj raportistoj* estas inter la unuaj:

## V Congreso Internacional Católico

*Oxford, 11—16 agosto 1925*

*Protector:* Emmo. Card. Monseñor Bourne, arzobispo de Westminster.
*Presidente honorario:* Mons. J. E. Intyre, arzobispo de Birmingham.
*Principales conferencias:* El problema de raza y nación según la Doctrina Católica.

1.er grupo: *a)* definición y evolución histórica.
*b)* raza y nación en los modernos Tratados de paz.

2.º grupo: Nación y humanidad:
*a)* el problema nacional respecto al individuo y a la humanidad.
*b)* el problema judaico.

3.er grupo: El derecho de nación en su propio destino:
*a)* nacionalidad y fundamento de la independencia política.
*b)* la colonización, según la Doctrina Cristiana.

4.º grupo: Nación y estado:
*a)* el problema nacional en los estados de nacionalidad mixta.
*b)* protección de las minorías, según la doctrina católica.

5.º grupo: Nacionalidad y aplicación de la fuerza:
*a)* la Doctrina Cristiana en la rebelión o guerra nacional.
*b)* intervención de estados extranjeros para sostener o sofocar una rebelión nacional.

*Conferencias especiales* (véase «Katolika Mondo» de marzo): tendrán lugar, entre otras, las de Esperanto, Juventud, Prensa, etc.

*Cuota:* 8 S, marcos, 10 francos suizos, 25 francos franceses, etc. Para jóvenes o personas pobres, rebaja según acuerdo mutuo.

*Conferenciantes ilustres:* están entre los

Msro Fischer-Colbrie, episkopo de Koŝice kaj s ro. deputato Mauri, eksministro, Milano.
*Mondonacoj* por kovri la grandajn kostojn estas urĝe elpetataj: unua donaco de 500 sv. fk. alvenis de nia plej meritplena kunprezidanto Msro Pfeiffer, Koŝice.
Vivu imitontoj!
*Kongresistoj* estas ĉiuj, kiuj enpagas la kongreskotizon. Ili ricevas presotan kongresraporton.
*Propagandu! Aliĝu!*

(De *Heroldo de Esperanto*, n.° 35).

primeros Mons. Fischer-Colbrie, obispo de Cochise, y el diputado Sr. Mauri, ex ministro, Milán.
*Donativos* para cubrir los grandes gastos se ruegan con urgencia: el primer donativo de 500 francos suizos se ha recibido de nuestro meritísimo copresidente Mons. Pfeiffer, Cochise.
¡Vivan los imitadores!
*Congresistas* son todos los que abonen la cuota dicha, y recibirán, impresa, la Memoria del Congreso.
*¡Propagad! ¡Adheríos!*

(De *Heroldo de Esperanto*, n.° 35). *Tradukis*, F. S.

# La Societo Union Radio kaj Esperanto

«Estas nedube, ke nia grandanima Reĝo ĉiam elmontriĝas ĉie kiel tre entuziasma kaj entuziasmiganta Reĝo. Li enkuraĝigas ĉiujn, por ke la Patrujo kresku ĉiuvirte, kaj progresadu ĉiudirekte. La deksepan de la monato junio, li oficiale inaŭguraciis la potencegan Sendostacion de la Societo Union-Radio, kiu estas starigita sur la tegmento de la luksegaj magazenoj *Paris Madrid.* Je la dekdua tagmeze precize mi aŭdis de mia domo per radioaŭdigilo la plensonan voĉon de la paroladisto de la Sendostacio, dirante: LIA REĜA MOŜTO. Mi tuj stariĝis kaj mallaŭtevoĉe ekkantetis la sekvantan strofon, kiun mi verkis por plilaŭdegi la glorajn virtojn de la laŭdeginda Reĝo, ĉar tuj eksonis LA REĜA MARŜO:

La Reĝ' plej amata
El ĉiuj Ildefonsoj
Estas la DEK TRIA,
Reĝ' inda je honor';
Li pacon alportis,
La mondon konsolis,
La Landon oferis
Al Sanktega Kor'.

El Rey más amado
De todos los Alfonsos
Es Alfonso TRECE,
Rey digno de loor:
Dió paz a la Patria,
Consuelo al mundo,
Consagra a Cristo
Su inmortal Nación.

»Tiu okazintaĵo povas esti gravega por la propagando de Esperanto en nia Lando, ĉar de nun oni disaŭdigos Konferencojn tra la etero per tiu Sendostacio, komencante de tiu de S-ro. Torres Quevedo, kiun sekvos tiuj de la plej fervoraj kaj plej agemaj esperantistoj. Se la radioaŭdantaro enfervoriĝos kaj entuziasmiĝos, tuj poste sekvos kursoj de Esperanto, por ke ĉiuj povu facilege kaj senkoste lerni nian amegatan lingvon. Pretigu vin do por aŭdi la unuan Konferencon de la mondfamega saĝulo, kaj montru vian dankemon al S-ro. Mikaelo Iñigo, Arta Direktoro de la Union-Radia Sendostacio, *Avenida del Conde de Peñalver, 24, Madrid,* kiu mem lernas Esperanton, kaj al ni malfermis la pordojn por la publikigado kaj instruado de la internacia helpa lingvo, ĵus elektita en la Pariza Konferenco de Radio Amatoroj kiel oficiala internacia lingvo de la Radio».

PASTRO MARIANO MOJADO.

# Hispana Esperanto-Asocio (H. E. A.)

Aprobita de la Ĝenerala Direktoro de l'Polico, la 25$^{an}$ de la ĵus pasinta junio, la Regularo de H. E. A., en la sidejo de la Asocio, strato Sagasta, 10 (Ruĝa Kruco), kunvenis la madridaj esperantistoj por starigi la Asoción kaj nomi la Komitaton, la 30$^{an}$ de la sama monato. Tiel ili faris, elektinte:

S-ron. Jozefo Perogordo, *Prezidanto;* S-ron. Julio Mangada, *Vicprezidanto;* S-ron. Mariano Mojado, *Sekretario;* sinjoron Johano Carrasco, *Trezoristo;* sinjorojn Sidonio Pintado, Salvador Pérez Martínez kaj Luis Rodríguez Escartín, *Voĉdonantoj.*

Laŭ la statutoj, la membroj de H. E. A., kiuj apartenas al la starigitaj regionaj organizoj aliĝintaj al la Kongreso de Kordovo, kiuj estas pure esperantaj, rajtas nomi *du Voĝdonantojn po organizo.*

La Komitatò estos kvazaŭ *labora komisiistaro organizanta H. E. A.n* de ĉitiu dato ĝis nia Kongreso de la proksima jaro, kaj tiam la Kongresanoj apartenantaj al H. E. A. elektos definitivan Komitaton, ĉar la tuta H. E. A. anaro estas la plene rajtigata por decidi.

Ĉi-tiu Organizantaro de H. E. A. estos samtempe tiu de nia Kongreso, por kio ĝi plinombriĝis en Madrido per tri aliaj Voĉdonantoj: S-roj. Maksimo Domínguez (Policisto), Ignacio López Valencia (Telegrafisto) kaj Alvaro de Orriols (Ĵurnalisto kaj Verkisto); kaj plinombriĝos per alia Voĉdonanto po organizo, aludita. Konsciu, ke nia Asocio devas esti forta organizo, kaj tial aliĝu tuj per jara *kotizo ses-peseta* por ricevi ĝian oficialan organon LA SUNO HISPANA. La tuj aliĝontaj, *po ses pesetoj*, ricevos senpage la unuan volumon de la «Hispana Biblioteko» ĵus fondita de S-ro. Mangada, kiu komencos la eldonadon per la libro

Aprobado por el Director General de Seguridad, el 25 del próximo pasado junio, el Reglamento de H. E. A., en el local de la Asociación, calle de Sagasta, 10 (Cruz Roja), se reunieron los esperantistas de Madrid para inaugurar la Asociación y nombrar la Junta, el 30 del mismo mes. Así lo verificaron, eligiendo:

D. José Perogordo, *Presidente;* don Julio Mangada, *Vicepresidente;* D. Mariano Mojado, *Secretario;* D. Juan Carrasco, *Tesorero;* D. Sidonio Pintado, don Salvador Pérez Martínez y D. Luis Rodríguez Escartín, *Vocales.*

Según los estatutos, los miembros de H. E. A., que pertenecen a las organizaciones regionales establecidas, que se adhirieron al Congreso de Córdoba y son puramente esperantistas, tienen derecho a nombrar *dos Vocales por cada organización.*

La Junta será a modo de un *Comité de trabajo,* organizador de H. E. A., desde esta fecha hasta nuestro Congreso del año próximo, y entonces los congresistas pertenecientes a H. E. A., elegirán un Comité definitivo, pues sólo la Asamblea de socios tiene la plena facultad de resolver.

Este Comité organizador de H. E. A., será al propio tiempo el de nuestro Congreso, para lo cual se ha aumentado en Madrid con tres Vocales más: Sres. Máximo Domínguez (de Policía), Ignacio López Valencia (Telegrafista) y Álvaro de Orriols (Periodista y escritor); y se aumentará en un Vocal más por organización antes citada.

Todos deben darse cuenta de que nuestra Asociación debe ser una organización fuerte, y por eso hay que adherirse en seguida con la *cuota de seis pesetas* al año para recibir su órgano oficial LA SUNO HISPANA. Los que se adhieran en seguida, *por seis pesetas,* recibirán

«ÁVILA» kun nombraj kliŝaĵoj. Tiuj, kiuj jam abonis LA SUNO HISPANA nur devos sendi *du pesetojn* al S-ro. Mariano Mojado—Sekretario de H. E. A. (strato *Abascal*, 13-A., Madrido); kiuj ne abonis la gazeton, sendu al la sama adreso: *ses pesetojn*, se ili dezirus ricevi nian oficialan organon; *tri pesetojn*, se ili nur dezirus esti membro. Membreco por ĉiu familiano de membro kostas UNU PESETON.

gratis el primer volumen de la «Biblioteca Española» recién fundada por el señor Mangada, que empezará la edición con el libro «ÁVILA», profusamente ilustrado. Los que ya son suscritores de LA SUNO HISPANA, sólo han de enviar *dos pesetas* a D. Mariano Mojado, Secretario de H. E. A. (calle *Abascal*, 13 A., Madrid); los no suscritores al periódico deben enviar a la misma dirección: *seis pesetas*, si desean recibir nuestro órgano oficial; *tres pesetas*, si sólo desean ser socios. La cuota para los familiares de un socio será de *una peseta*.

---

Sciiginte la antaŭan noton al niaj legantoj, ni treege ĝojas pro la definitiva laŭleĝa starigo de nia nacia Asocio, celata de niaj lastaj ĉiujaraj Kongresoj. Estis ja necesega tia organizaĵo, kiu unuiĝu ĉiujn disigitajn fortojn enlandajn, nun ekzistantajn, sed tute neefikajn.

Al participar la nota que precede a nuestros lectores, nuestra satisfacción es inmensa por la fundación legal y definitiva de nuestra Asociación nacional, a que han tendido nuestros últimos Congresos anuales. Era, en verdad, muy necesaria una organización semejante, que uniera todas las fuerzas diseminadas dentro de nuestro país, que existen ahora, pero son completamente ineficaces.

Ni do plej varme rekomendas al niaj amikoj, al ĉiuj kiuj sin interesas pri la esperanta movado en nia patrolando, pri kies progresado ni ĉiuj devas fieri, kiuj estas nomataj *hispanoj*, ke ili ariĝu, grupiĝu kaj formu filiojn el la granda *Hispana Esperanto-Asocio* en iliaj respekivaj regionoj; ke ili tuj elektu la du koncernajn Voĉdonantojn enirontajn en la Komitaton, por la plej bona reorganizado laŭkonsenta de nia propagando; kaj fine ke ili ĉiuj aliĝu, ĉu individue, ĉu pere de sia regiona organizo, al nia Asocio, *nepre* sendante sian jarkotizon, ne forgesante ke, kie ne estas energio, ne ekzistas movo, kaj ke simile al tio, kie ne estas mono, oni povas fari nenion: aksiomoj tro ofte forgesataj, pri kiuj la Komitato tute ne devas eksperti, ĉar ĝi bezonas tujan kapitaleton por presigi cirkulerojn, regularojn, propagandajn broŝurojn, ktp.

Recomendamos, pues, muy encarecidamente a nuestros amigos, a todos cuantos se interesen por el movimiento esperantista en nuestra Patria, cuyos progresos deben enorgullecer a todos los que se llamen *españoles*, que se unan, se agrupen y formen filiales de la gran *Asociación Española Esperantista* en sus respectivas regiones; que elijan inmediatamente los dos Vocales que les corresponde ingresar en el Comité, para proceder, de común acuerdo, a la mejor reorganización de nuestra propaganda; y finalmente, que todos se adhieran, ya individualmente, ya por conducto de su organización regional, a nuestra Asociación, *sin dejar* de enviar su cuota anual, no olvidando que donde no hay energía, no existe movimiento, y que del mismo modo, donde no hay dinero, nada se puede hacer: axiomas que se olvidan con demasiada frecuencia, y que no deben pesar sobre el Comité, porque éste necesita inmediatamente un pequeño capital

Ĉiuj plej afable bonvolu pripensi pri tio kaj agi konsekvence!

LA REDAKCIO.

para imprimir circulares, reglamentos, folletos de propaganda, etc.

¡Reflexionad con simpatía y cariño respecto a esto, y obrad en consecuencia!

LA REDACCIÓN.

# La Konferencoj de Paris

## Deziresprimoj kaj decidoj proponitaj de la Scienca Konferenco

UNUA DECIDO

La Konferenco opinias, ke, antaŭ ol studadi kaj difini la rimedojn uzotajn por realigi la dezirojn esprimitajn de la Francaj Sciencakademianoj kaj teknikaj aŭ sciencaj Asocioj, estas necese precizigi kiugrada kaj kiuspeca devas esti la helpo petota de ĉiuj Organismoj, Registaroj, Societoj kaj Personoj, celitaj de tiuj deziresprimoj.

Konsekvence, rilate al ĉiu el ili, difininte unue la helpon, due la rimedojn, la Konferenco alprenis la jenajn decidojn:

### *a)* Oficialaj Estraroj.

*Helpo petota.*—Oni devas atingi, ke ili enkonduku la instruon de Esperanto en la sciencajn kaj teknikajn lernejojn, unue laŭvole, poste devige; — ke ili promesu al la kandidatoj al ĉia oficiala diplomo aŭ al ĉia posteno en la Ŝtata administracio kelkajn favoraĵojn, se ili scius la lingvon Esperanto; — ke ili uzigu Esperanton en siaj naciaj oficialaj oficejoj por faciligi la rilatojn kun la fremdaj samspecaj oficejoj (Of. meteorologiaj, hidrografiaj, aerveturaj, telegrafaj, policaj...); —ke ili prezentu kaj subtenu proponojn favore al Esperanto ĉe la Ligo de Nacioj;

# Las Conferencias de París

## Proposiciones presentadas y decisiones o conclusiones

PRIMERA CONCLUSIÓN

La Conferencia opina que antes de estudiar y definir los medios que han de emplearse para realizar las proposiciones de los miembros de la Academia de Ciencias de Francia y de las asociaciones técnicas o científicas, es necesario precisar la forma y modo de elevar las peticiones a todos los organismos, Gobiernos, Sociedades y particulares a quienes afecten tales peticiones.

Por consiguiente, en relación a cada uno de ellos, se acuerda determinar, primero, el auxilio, y después, los medios a emplear, adoptando las siguientes conclusiones:

### *a)* Organismos oficiales.

*Auxilios a pedir.*—Se debe conseguir que incluyan la enseñanza del Esperanto en las Facultades y Escuelas, primero, voluntaria, y después, obligatoriamente; que prometan reconocer como mérito el conocimiento del Esperanto a los aspirantes a toda carrera o cargo oficial en la administración del Estado o que empleen el Esperanto en sus relaciones oficiales con las oficinas extranjeras similares (observatorios metereológicos, hidrográficos, de aerostación, telegráficos, de policía, etcétera); que presenten y apoyen proposiciones favorables al Esperanto cerca de

ke ili donu financan kaj moralan apogon al la Esperantaj sciencaj kaj teknikaj Societoj.

*Uzotaj rimedoj.*—Plej taŭgaj rimedoj ŝajnas, ke la Esperantistoj instigu manifestaciojn favorajn al Esperanto de la sciencaj aŭ teknikaj Asocioj, de eminentaj sciencistoj, de specialaj gazetoj (t. e. deziresprimon, deklaracion, artikolojn...), kaj ke ili transdonu ilin al la Registaro; ke ili konigu al sia Registaro ĉiun tiaspecan decidon alprenitan en fremdaj landoj; ke ili rekte agu sur la naciaj oficialaj oficejoj, por ke tiuj lastaj siavice agu sur la Estraro, de kiu ili dependas.

la Liga de Naciones y que apoyen moral y materialmente a las asociaciones esperantistas científicas y técnicas

*Medios a emplear.*—Se declaran como medios más oportunos: que los esperantistas inicien manifestaciones favorables al Esperanto, secundadas por las asociaciones científicas o técnicas, por sabios eminentes, por revistas especiales, ya como proposiciones, ya como declaraciones, artículos, y que estos las trasmitan a su respectivo Gobierno, participándole toda suerte de decisiones adoptadas en los países extranjeros y que estos organismos influyan cerca de los organismos oficiales de su nación, para que éstos, a su vez, lo efectúen respecto de la Superioridad de quien dependan.

### *b)* Asocioj kaj Kongresoj.

*Helpo petota.*—Oni devas atingi, ke ili alprenu deziresprimon similan je tiu de la Franca Scienca Akademio, sed aliformigitan laŭ iliaj specialaj celoj; — ke ili starigu kursojn de Esperanto en siaj lernejoj; — ke ili presigu artikolojn pri aŭ en Esperanto en sia perioda bulteno; — ke ili elektu specialan komisionon, kiu verkos internacian multlingvan vokabularion de sia speciala terminaro; — ke ili alprenu Esperanton kiel unu el la oficialaj lingvoj uzindaj en la Kongresoj.

*Uzotaj rimedoj.*—Estas dezirinde, ke la ago estu farata de anoj mem de la Asocio aŭ Kongreso; — ke ili postulu elekton de Komisiono speciale difinita por studi la demandojn; — okaze de Kongreso, ke la Esperantistoj agu sur la organiza komitato antaŭ ol ĝi definitive decidu kiuj naciaj lingvoj estas uzotaj en la Kongreso; — dum la Kongreso, ke ili faru aktivan propagandon, kaj prezentu la deziresprimon tutprete redaktitan, je la taŭga momento.

### *b)* Asociaciones y Congresos.

*Auxilios a pedir.*—Debe procurarse conseguir, que dichas entidades adopten la misma moción votada por la Academia de Ciencias, de Francia, aunque adaptándola a sus fines especiales; que establezcan cursos de Esperanto en sus escuelas; que publiquen artículos en Esperanto o acerca de él en sus boletines; que elijan una comisión especial que confeccione un vocabulario en varios idiomas en su terminología propia, y que adopten el Esperanto como una de las lenguas oficiales en dichos congresos.

*Medios a emplear.*—Es de desear que la acción sea realizada por los mismos miembros de la asociación o congreso; que estos exijan la elección de una comisión de carácter especial que estudie las distintas cuestiones; que con ocasión de cualquier congreso, que los esperantistas influyan sobre el Comité organizador antes que este decida definitivamente qué lenguas nacionales han de usarse en el Congreso y que, durante éste, hagan una propaganda activa y presenten en el momento oportuno precisa proposición a tal efecto.

**c) Internaciaj organismoj oficialaj aŭ ne.**

*Helpo petota.*—Oni devas trafi, ke tiuj organismoj uzu la lingvon Esperanto en la sidejaj oficejoj en siaj leteroj kaj publikigaĵoj, porprove. Post sukcesiga provo, ke ili proponu al sia Registaro aŭ al la Aŭtoritatoj, de kiuj ili dependas, la ekskluzivan uzadon de Esperanto.

*Uzotaj rimedoj.*—Agado sur la Direktoroj de tiuj Internaciaj Oficejoj, proponante al ili tradukistojn kaj bonvolemajn profesorojn; uzi kiel argumentojn la rezultatojn jam akiritajn (ekz. I. L. O. de la Ligo de Nacioj).

**d) Eldonistoj, firmoj specialaj por periodaj sciencaj kaj teknikaj publikigajoj.**

*Helpo petota.*—Oni devas atingi, ke tiuj Eldonistoj liveru tradukaĵojn de altvaloraj verkoj ĉiunaciaj (nemultpaĝaj por komenci), de didaktikaj enciklopedioj en malgrandaj volumoj, de internaciaj vokabularioj, de nacilingvaj kajeretoj por ebligi la legadon de Esperanta teksto preskaŭ sen studo; — ke ili uzu Esperanton por siaj komercaj aferoj; — ke ili faciligu al la Scienca Asocio Esperantista la eldonon de ĝiaj dokumentoj.

Oni devas atingi, ke la Firmoj eldonantaj Periodaĵojn ofte presigu propagandajn artikolojn aŭ sciigojn pri la progresoj de Esperanto, artikolojn en Esperanto, ĉu originalajn, ĉu tradukitajn; resumojn de nacilingvaj artikoloj en Esperanto prefere ol en aliaj lingvoj.

*Uzotaj rimedoj.*—Oni montru kiom monŝpariga estus la universala uzo de Esperanto (ĝi havigas tutmondan klientaron), kaj kiom malgravan elspezon kostus la proponata programo.—En la komenco, prezentu bonvolemajn tradukantojn, aŭ verkojn tute pretajn en Esperanto.—Atentigu pri la avantaĝoj, kiuj

**c) Organismos internacionales, oficiales o particulares.**

*Auxilios a pedir.*—Debe tenderse a que estos organismos empleen por vía de ensayo la lengua Esperanto en su sede oficial respectiva, para la correspondencia y publicaciones y que, visto el resultado, propongan a su Gobierno o a las autoridades de quienes dependan, el uso exclusivo del Esperanto.

*Medios a emplear.*—Acción eficaz cerca de los directores de estas oficinas internacionales, proponiéndoles traductores y profesores voluntarios y utilizar como argumentos los resultados ya adquiridos (por ejemplo, I. L. O. de la Liga de Naciones).

**d) Editores y sociedades editoriales para publicaciones periódicas, científicas y técnicas.**

*Auxilios a pedir.*—Se debe conseguir que estos editores publiquen traducciones de valiosas obras nacionales (de pocas páginas al principio), de enciclopedias didácticas en pequeños volúmenes, de vocabularios internacionales, de cuadernos en lengua nacional para facilitar la lectura de un texto en Esperanto casi sin estudio; que empleen el Esperanto en sus asuntos comerciales y que faciliten a la asociación científica esperantista la edición de sus documentos. También debe conseguirse que las casas que editen estas publicaciones, impriman frecuentes artículos de propaganda o noticias sobre los progresos del Esperanto, artículos en este idioma, ya originales, ya traducidos, y resúmenes de artículos nacionales en Esperanto, con preferencia a otros idiomas.

*Medios a emplear.*—Precisa demostrar cuánta economía reportaría el empleo universal del Esperanto (puesto que proporciona clientela en todo el mundo) y cuán poco gasto exigiría el programa propuesto. En el comienzo deben presentarse traductores voluntarios u obras ya dispuestas en Esperanto. Debe lla-

rezultos al la unuaj iniciatintoj, rilate al la estonta internacia konkurado.

marse la atención sobre las ventajas que obtendrían los primeros iniciadores, respecto a la futura concurrencia internacional.

*e)* **Sciencistoj, teknikistoj, industriaj firmoj aŭ societoj.**

*Helpo petota.*—Trafi, se eble, ke tiaj personoj studu la lingvon Esperanto en sufiĉa grado, por ke ili almenaŭ scipovu ĝin kompreni per la legado (kio estas ebla post tempo eksterordinare mallonga), propagandu en iliaj medioj, kongresoj, Asocioj; — ke la Industriaj Firmoj uzu Esperanton por siaj rilatoj eksterlandaj; invitu ilian oficistaron lerni la lingvon, kaj disdoni kuraĝigajn rekompencojn; sciigu sur siaj leteroj kaj kovertoj, ke ili uzas Esperanton; — kaj ke morale kaj eĉ mone ili subtenu la Sciencan Asocion Esperantistan.

*Uzotaj rimedoj.*—Rilate al la Personoj, la rimedoj estas tiuj de la ordinara propagando, direktitaj laŭ scienca kaj teknika vidpunkto; kompreneble la rimedoj estos pli efikaj, se la Esperantistoj agos sur samprofesianoj.

Rilate al la Industriaj Firmoj, oni prezentu simplan, praktikan programon, kiu postulu neniun plian laboron de la direktoro, kiu kaŭzus nenian malordon aŭ konfuzon en la funkciado de la oficoj; la agado, por ke ĝi plej efiku, devas esti kondukata de personoj kleraj je la koncerna industrio, kaj taŭgaj por montri la gravan profiton haveblan el la uzado de Esperanto.

*e)* **Científicos, técnicos, casas industriales o sociedades.**

*Auxilios a pedir.*—Conseguir, si es posible, que estas personas estudien la lengua Esperanto en grado suficiente para que al menos puedan comprenderlo por una simple lectura (lo que es posible, en un período de tiempo extraordinariamente corto), y lo propaguen en sus esferas de acción, congresos y asociaciones; que las entidades industriales usen el Esperanto en sus relaciones con otros países, e inviten a sus oficinistas a aprender el idioma, distribuyendo entre ellos gratificaciones que les alienten, que adviertan en sus cartas y sobres que usan el Esperanto y que moral y económicamente apoyen la Asociación Científica Esperantista.

*Medios a emplear.*—Con relación a las personas, los medios son los de la propaganda ordinaria, dirigidos con arreglo a un método científico y técnico; naturalmente, los medios serán tanto más eficaces si los esperantistas actúan cerca de sus compañeros de profesión. Con relación a las empresas industriales, preséntese un programa sencillo y práctico, que no exija ningún trabajo suplementario del director y no produzca desorden en el funcionamiento de las oficinas. La actuación, para que sea más eficaz, debe dirigirse por personas inteligentes en la industria respectiva y ser adecuada para demostrar el gran provecho que se obtendría por el uso del Esperanto.

Dua decido

La Konferenco komisias la *Sciencan Asocion Esperantistan* por daŭrigi la agadon difinitan per la ĉi supraj decidoj, kaj por periode sciigi la ricevitajn rezultatojn.

Por ebligi, ke tiu Asocio plenumu tiun

Segunda conclusión

La Conferencia comisiona a la Asociación Científica Esperantista para continuar la actuación señalada por las anteriores decisiones, participando periódicamente los resultados obtenidos.

Para facilitar la gestión de esta Aso-

sian taskon, la Konferenco invitas siajn partoprenintajn anojn meti siajn rimedojn je ĝia dispono, nome aliĝante al ĝi kaj donacante subvenciojn.

TRIA DECIDO

La Konferenco aprobas la metodojn nune,uzatajn por ellaborado de la *Teknikaj Vortaroj*.

Ĝi invitas la Esperantistojn vigle kunlaboradi kun la komisiita Sekcio, ĉefe proponante sin por estri la redaktadon de ilia faka terminaro.

Ĝi invitas ilin klopodi, por ke la naciaj aŭ la internaciaj kongresoj, kiujn ili partoprenas, decidu verki internaciajn fakajn terminarojn, por faciligi ellaboradon de la samfaka esperanta terminaro.

## Rezolucioj de la Komerca Konferenco

### Proponoj balotitaj kaj unuanime akceptitaj

*Propono de Komerca Teknika Lernejo «Pigier» en Perpignan* (Francujo):

1. Ke en la tuta mondo la helplingvo Esperanto estu devige instruata en ĉiuj komercaj lernejoj.

2. Ke en ĉiuj landoj la Ĉambroj de Komerco helpu al instruado de tiu ĉi lingvo.

*Propono de S-ro. Flageul* (Francujo):

Por helpi la normalan disvastigon de Esperanto estas dezirinde, ke ĉiuj Esperantaj Organizoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanta Stenografado; aliparte por pligrandigi la profesian valoron de la stenografiistaro estas dezirinde, ke ĉiuj stenografaj societoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanto.

*Propono de S-ro Ĥromada* (Ĉeĥoslovakio):

Naciaj Societoj devas fari sian eblon

ciación, la Conferencia invita a sus adheridos presten a aquélla los medios de que dispongan, bien adhiriéndose a ella, o subvencionándola.

TERCERA CONCLUSIÓN

La Conferencia aprueba los métodos actualmente usados en la confección de los Diccionarios técnicos; invita a los esperantistas a colaborar activamente en la sección designada, ofreciéndose, principalmente, para dirigir la redacción de su respectiva terminología, como asimismo a esforzarse para que los Congresos nacionales o internacionales en que tomen parte, decidan la confección de Diccionarios técnicos internacionales, para facilitar la composición de los mismos Diccionarios en Esperanto.

## Resoluciones de la Conferencia de Comercio

### Proposiciones sometidas a votación : y aceptadas por unanimidad :

*Proposición de la Escuela Técnica de Comercio «Pigier», en Perpignan* (Francia):

1.° Que el idioma auxiliar Esperanto sea enseñado obligatoriamente en todas las escuelas de comercio del mundo entero.

2.° Que en todos los países las Cámaras de Comercio ayuden a la enseñanza de este idioma.

*Proposición del Sr. Flageul* (Francia):

Para facilitar la difusión normal del Esperanto, es de desear que todas las organizaciones esperantistas instiguen a sus miembros a estudiar la estenografía esperantista; por otra parte, para aumentar el valor profesional de la estenografía, es de desear que todas las sociedades estenográficas inciten a sus miembros a aprender el Esperanto.

*Proposición del Sr. Hromada* (Checoslovaquia):

Las sociedades esperantistas naciona-

por baldaŭ aperigi kiom eble plej detalan adresaron.

*Propono de «Esperanto et Commerce* (Francujo):

Fondoj de Esperantaj Komercaj Asocioj en ĉiuj landoj, kie ili ankoraŭ ne ekzistas. Tiuj Asocioj devas interrilatiĝi konstante por interŝanĝi ĉiuspecajn informojn.

*Propono de S-ro. Balkanyi* (Hungarujo):

Laŭ spertoj de kelkaj vojaĝoficejoj kaj fremduloficejoj oni povas faciligi la vojaĝojn por Grupoj de Esperantistoj, pro kio la Konferenco rekomendas dum vojaĝoj aranĝi ĉion per tiaj oficejoj; kaj la oficejoj aranĝu pli ofte vojaĝojn por Esperanto.

*Propono de...:*

La Konferenco (aŭdinte raporton, ke en kelkaj landoj notinda nombro da firmoj, havantaj esperantiston inter sia oficistaro, deklaris sin pretaj korrespondadi esperante kaj enkonduki tiel internacian komercan korespondadon) petas Naciajn Societojn Esperantistajn, ke ili faru ĉiujn klopodojn por starigi jam dum la nuna jaro adresaron de komerĉaj firmoj uzantaj Esperanton.

les deben hacer todo lo posible para publicar cuanto antes un anuario detallado de sus miembros.

*Proposición de «Esperanto y Comercio»* (Francia):

Fundación de asociaciones comerciales esperantistas en todos los países donde no existen todavía. Estas asociaciones deben comunicarse constantemente para el intercambio de toda clase de informes.

*Proposición del Sr. Balkanyi* (Hungría):

Según la experiencia de varias agencias de viajes y oficinas para extranjeros, se pueden facilitar los viajes por grupos de esperantistas, por lo cual la Conferencia recomienda que, durante los viajes, se recurra para todo a tales oficinas y que éstas los organicen con frecuencia por medio del Esperanto.

*Proposición de...:*

La Conferencia, después de oir una Memoria en la que se declara que en muchos países un número considerable de casas de comercio, que tienen esperantistas entre sus empleados, se han declarado dispuestas a corresponder siempre en dicho idioma, adoptando así una correspondencia comercial internacional, pide a las sociedades nacionales esperantistas que ya desde el presente año se esfuercen por confeccionar anuarios de casas de comercio que usan el Esperanto.

---

# SCIIGOJ

Dank' al la vigla propagando entreprenita lastatempe de niaj fervoraj amikoj el Madrido, S-roj Inglada, Perogordo, Mangada, pastro Mojado, k. a., nia afero marŝas bonege kaj ni estas sur la vojo al baldaŭa realigo de niaj idealoj. Gravaj reakiroj pri lertegaj samideanoj intertempe apartiĝintaj de nia agadkampo;

# NOTICIAS

Gracias a la activa propaganda emprendida en los últimos tiempos por nuestros fervorosos amigos de Madrid, señores Inglada, Perogordo, Mangada, padre Mojado y otros, nuestro asunto marcha muy bien y nos hallamos en camino hacia la pronta realización de nuestros ideales. Valiosas adquisiciones de inteligentísimos

altrangaj aliĝoj al nia movado, venintaj ĉu de la militista, ĉu de la civila flanko; oficialaj decidoj favoraj al Esperanto, jam serioze rigardata de la registaroj, kaj tiom da aliaj similaj faktoj vere montras la signojn de nepra triumfo.

correligionarios circunstancialmente apartados de nuestro campo de acción; importantes adhesiones a nuestro movimiento, procedentes tanto del elemento militar como del civil; resoluciones oficiales favorables al Esperanto, mirado ya en serio por los gobiernos, y tantos otros hechos semejantes, son indicios verdaderos de indefectible triunfo.

Estas aparte citinda la varbado al Esperanto de D-ro. Cortezo, eks-ministro de Publika Instruado kaj nun Prezidanto de la Ŝtata Konsilantaro, kiu malgraŭ sia sanstato—li estas preskaŭ blinda—li entuziasme lernas nian karan lingvon, instruata de blindulo esperantista.

Merece especial mención la atracción al Esperanto del Dr. Cortezo, ex ministro de Instrucción Pública y actual Presidente del Consejo de Estado, que a pesar de su estado de salud—está casi ciego—aprende con entusiasmo nuestra querida lengua, dándole lección un ciego esperantista.

Oni esperas malfermi esperantajn kursojn ĉe la Staba Lernejo, ĉe la Poŝt-Telegrafa Direkcio kaj ĉe aliaj gravaj centroj.

Se confía en abrir cursos de Esperanto en la Escuela de Estado Mayor, en la Dirección de Correos y Telégrafos y en otros centros de importancia.

Ni gratulas niajn eminentajn madridajn amikojn pro iliaj sukcesoj, dankante ilin pro la senĉesa laborado, kiun ili metis sur siajn ŝultrojn.

Felicitamos a nuestros eminentes amigos de Madrid por sus éxitos, agradeciéndoles la incesante labor, que han echado sobre sus hombros.

---

La *Revue Aeronautique de France*, oficiala organo de la Ligo Aeronaŭtika de Francujo, en sia numero majo-junio aperigas gravegan artikolon de nia sperta samideano Ernest Archdeacon enkuraĝigantan la 60.000 membrojn de la Ligo, entrepreni la lernadon de Esperanto, konstatantan lian apostolecon pri aŭtomobilo unue, pri aeroplano due, ambaŭ sukcesintaj; pri Esperanto trie, nepre sukcesonta. Li pravigas science kaj praktike sian enkuraĝigon.

La *Revue Aeronautique de France*, órgano oficial de la Liga Aeronáutica de Francia, en su número mayo-junio publica un importantísimo artículo de nuestro experto correligionario Ernest Archdeacon animando a los 60.000 socios de la Liga a emprender el estudio del Esperanto, y poniendo de manifiesto su apostolado en favor del automóvil, primero, del aeroplano, después, ambos triunfantes; del Esperanto, en tercer lugar, que triunfará indefectiblemente. Justifica científica y prácticamente su alocución.

---

Nia nelacigebla samideano S-ro. Mangada ĵus kreis *Hispana Biblioteko' n*, kolekton de hispanaj verkoj en Esperanto. Baldaŭ li aperigos la unuan volumon, titolitan *Ávila*, kun ilustraĵoj. La laboremo de S-ro. Mangada meritas entuziasmajn laŭdojn kaj helpon de la samideanaro pro lia bona intenco diskonigi la hispanan

Nuestro infatigable *samideano* señor Mangada acaba de crear la *Biblioteca Española*, colección de obras españolas en Esperanto. Pronto aparecerá el primer volumen, titulado *Ávila*, con ilustraciones. La laboriosidad del Sr. Mangada merece sinceras alabanzas y la ayuda de todos los correligionarios por su buena in-

verkaron inter la tutmonda esperantistaro.

tención de difundir las Obras de España entre los esperantistas de todo el mundo.

La ilustrita revuo *Andalucía Ilustrada* el Kordovo, en sia maja numero, entenas gravan kaj interesan raporton pri nia *III<sup>a</sup> Iberia Esperantista Kongreso*, kun belegaj kliŝaĵoj rilate al la estraro de la solena malferma kunsido, al la ekspozicio de esperantaj publikigaĵoj kaj al la festenoj, ekskursoj kaj aliaj amuzaj kunvenoj de la gekongresanoj. Entute ĝi estas alloga memoraĵo de tiu neforgesebla kaj fruktodona kongreso.

La revista gráfica *Andalucía Ilustrada*, de Córdoba, en su número de mayo, contiene amena e interesante reseña de nuestro III Congreso Esperantista Ibérico, con hermosos clichés relativos a la presidencia de la solemne sesión de apertura, a la exposición de publicaciones en esperanto y a los banquetes, excursiones y otras recreativas reuniones de los congresistas En conjunto constituye un grato recuerdo de este inolvidable y fructífero Congreso.

Nia entuziasma esperantistino fraŭlino Aurora Yanguas, post brilaj ekzamenoj, en la Madrida Universitato, atingis la farmacian diplomon. Ni gratulas sincere nian nelacigeblan propagandistinon kaj ŝian familion.

Nuestra entusiasta esperantista, la señorita Aurora Yanguas, después de unos brillantes ejercicios en la Universidad de Madrid, ha obtenido el título de Licenciado en Farmacia. Felicitamos sinceramente a nuestra infatigable propagandista y a su familia.

# A los esperantistas españoles

Por exceso de original, por su mucha extensión y por no privar a sus lectores de otras noticias y artículos interesantes y de actualidad, La Suno Hispana renuncia a publicar en sus columnas la reseña completa de las conferencias que para el uso del Esperanto en las ciencias pura y aplicada y en el Comercio y la Industria se ha celebrado en París en mayo último; pero tiene en estudio la publicación de un folleto, redactado en Castellano, dando cuenta detallada de dichos actos, por considerarlo de gran eficacia para el progreso y propaganda del referido idioma auxiliar, para lo que su Redacción practica gestiones cerca de las Cámaras de Comercio y organismos similares interesados en dicha publicación, al efecto de encargar una tirada extraordinaria, cuyos ejemplares puedan repartirse profusamente entre las Corporaciones científicas, comerciales e industriales de toda España.

TIPOGRAFIA MODERNA, A C. DE M. GIMENO, PRIMADO REIG (antes Avellanas, 11, VALENCIA